Dumonata. N-ro 8 Februaro 1948

BULTENO DE

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenue Montjoie, Bruselo.*

Pour renseignements au sujet de l'Espéranto, s'adresser : — Om inlichtingen over Esperanto, wende men zich :
**230, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gent).**

## ESPERANTO KAJ RADIO

Ĝojiga fakto, en tiu malfacila postmilita periodo, estas ke iom post iom la radio-stacioj, kiuj antaŭ la milito dissendis en nia lingvo, rekomencas tiujn dissendojn, kaj ke aliaj radio-stacioj aldoniĝas al la listo.

Tiuj dissendoj en Esperanto estas eksterordinare gravaj por nia movado, kaj por nia propagando speciale.

Ili havas tre grandan propagandan valoron, ĉar ili pruvas al la publiko — eĉ se tiu ĉi, aŭdinte la anoncadon pri la Esperanto-dissendo, tuj transiras al alia ondlongeco, — ili pruvas, ke Esperanto ne estas fantaziaĵo sed serioza afero, al kiu potenca ŝtata organizaĵo dediĉas iom de sia multvalora elsendtempo.

Kaj fine venos iam la momento, kiam tiu publiko, aŭdinte kaj reaŭdinte tiun vorton : Esperanto, volos scii pri kio temas, kaj interesiĝos pri nia movado.

Por la radio-stacioj ankaŭ, Esperanto estas grava. Ni bone scias, ke kelkaj, kiel la potenca angla « B. B. C. » volas pruvi al la mondo ke per sia mono ĝi povas dungi parolantojn en ĉiuj eblaj lingvoj, kaj ke konsekvence ĝi ne bezonas Esperanton.

Kaj tamen, demandu viajn amikojn, kiuj dum la okupado aŭskultis la « B. B. C. », kaj aŭskultis ĝin en flandra, en franca, en angla aŭ eĉ germana lingvoj, por esti certa ke ili ne maltrafos iun novaĵon, ĉu ili ankoraŭ aŭskultas ĝin? Kial ili aŭskultus per mallongaj ondoj, malfacile, tiujn samajn novaĵojn kiujn ili povas aŭskulti tute facile kaj regule el la nacia dissendilo? Eble kelkaj fantaziuloj, aŭ kelkaj specialistoj, kiuj bezonas tute specialajn novaĵojn, ankoraŭ tion faras. Sed mi ne timas aserti, ke la nombro de la regulaj aŭskultantoj ne estas granda.

Kion alportas Esperanto al la radio-stacioj? Ĝi alportas kernon de regulaj aŭskultantoj, kiuj jam pro sia Esperantemo interesiĝas pri eksterlando, kaj profitas ĉiun okazon praktike uzi la lingvon, parolante ĝin kiam eble, kaj ankaŭ aŭskultante ĝin kiel eble plej ofte. Se jam por ni, kiuj havas okazon ofte paroli nian lingvon, estas ĝuo aŭskulti Esperantajn radio-dissendojn, por iu Esperantisto loĝanta eksterurbe, kun tre malmultaj eblecoj interrilati kun samideanoj, tiuj dissendoj estas unika okazo enpenetri en nian lingvon kaj konvinkiĝi pri ĝia internacia valoro, aŭskultante sinsekve paroladojn el plej diversaj landoj.

---

LISEZ L'ARTICLE DE PROPAGANDE, p. 70
LEEST HET PROPAGANDA-ARTIKEL, blz. 71

**BONVOLU JAM REPAGI VIAN KOTIZON!**

Tion ni devas klare komprenigi al la radio-stacioj kiuj uzas Esperanton, por ke ili instruu tion al la aliaj.

Ni tion komprenigos aŭskultante regule, ĉiufoje kiam ni povos, la Esperanto-dissendojn; sed por ke la stacioj tion sciu, ni devas skribi kaj reskribi al ili.

Ni devas kuraĝigi niajn samideanojn, kiuj prenis sur sin la grandegan laboron, prepari kaj eldiri tiujn dissendojn.

La franca radio komencis antaŭ kelkaj semajnoj regulajn ĉiutagajn dissendojn; post du aŭ tri semajnoj, la parolantoj fiere povis anonci ke el 18 landoj ili ricevis leterojn pri siaj dissendoj. Tio estas rekompenco, kiun ili plene meritas.

Helpi al la radio-dissendoj estas laboro kiun ĉiu povas efektivigi. Tro ofte niaj samideanoj demandas : kion mi povus fari por nia movado? Jen respondo: aŭskultu la Esperanto-dissendojn, atentigu viajn amikojn pri ili, skribu al la radio-stacioj kaj al la Esperanto-parolantoj, kaj vi alportos grandan helpon al la antaŭenigo de nia afero.

K.

---

## DISCUSSIONS PAR INTERPRETES

Un interprète de conférence ou de congrès doit être d'une culture générale assez étendue, et même d'une certaine compétence relativement aux questions qui font l'objet de la réunion. Sans ces qualités, et malgré sa parfaite connaissance de la langue employée par l'orateur, il pourrait se méprendre sur les idées exprimées par celui-ci. Il doit évidemment très bien connaître la langue dans laquelle il traduit.

Il est compréhensible, dans ces conditions, que les interprètes pouvant **bien** interpréter, en **plusieurs** langues, des discours relatifs à des questions délicates ou épineuses, sont assez rares. D'autre part, pour avoir l'assurance d'être bien compris, les orateurs préfèrent souvent que leurs paroles soient interprétées par un compatriote; cela conduit à ce que les interprètes soient à « sens unique ». Dans ces conditions, il faut douze interprètes pour une assemblée ou un congrès où quatre langues sont officielles; si cinq langues sont admises, il en faut vingt. En outre, pour des assemblées de longue durée, des interprètes de réserve sont à prévoir.

Les conférences internationales ont aussi besoin du concours de nombreux sténographes, traducteurs, dactylographes, copistes, etc.

Le nombre de ces collaborateurs croît, avec le nombre des langues admises, plus que proportionnellement. Par exemple, dans les conditions indiquées plus haut, le nombre d'interprètes serait trente pour six langues, quarante-deux pour sept langues. Il n'est donc pas étonnant qu'à l'O. N. U., dont l'administration est déjà fort compliquée, le nombre des langues ait été limité à cinq.

Et cependant, outre l'anglais, l'espagnol, l'italien, le russe et le chinois, les langues des autres peuples devraient aussi être admises pour que les délégués de toutes les nations qui adhèrent à l'O. N. U., puissent, les uns aussi facilement et aussi bien que les autres, défendre leurs points de vue. Le portugais est la langue du grand pays qu'est le Brésil; l'italien, avec ses 40 millions de ressortissants, n'est pas une langue négligeable; un jour viendra où les Allemands et les Autrichiens (80 millions) auront leur délégués aux conférences internationales; le hongrois, le polonais, le tchèque, le roumain, l'ukrainien, avec ses 35 millions de ressortissants, et les langues propres d'autres pays d'Europe, sont à prendre en considération. Et les langues d'autres continents aussi. Par exemple : l'arabe, le turc, le bengali (51 millions), l'hindoustani (30 millions), le japonais (60 millions), le javanais (20 millions), le coréen (18 millions), etc.; il ne s'agit que de langues littéraires.

Rendra-t-on officielles, dans les assemblées internationales, toutes ces langues? Ce serait produire un enchevêtrement inextricable, des pertes de temps tellement grandes que tout l'organisme se trouverait bloqué. D'autre part, conserver le système actuel de la limitation du nombre des langues revient à étouffer la voix des neuf dixièmes des nations qui adhèrent à l'O. N. U.

La seule solution rationnelle est l'adoption d'une langue « auxiliaire » qui n'est le privilège d'aucun peuple, que tout civilisé connaissant bien sa langue maternelle peut apprendre facilement et complètement, grâce à sa structure logique et à son vocabulaire international.

On peut prévoir que, dans une première étape, tous les délégués aux assemblées internationales « comprendront » très bien l'Esperanto, mais que tous ne le parleront pas encore couramment; si un orateur préfère parler dans sa langue, son discours sera interprété **en Esperanto seulement.**

Dans une deuxième étape, tous parleront la langue auxiliaire. On se comprendra mieux que par l'intermédiaire d'interprètes, car ceux-ci sont exposés à faire des confusions, surtout dans le système d'interprétation dit « instantané », dans lequel l'interprète doit traduire et dire une phrase **pendant qu'il en écoute une autre,** qu'il devra traduire immédiatement, et ainsi de suite. C'est là un exercice mental des plus énervants.

K. P. D.

---

## « HET PROBLEEM DER INTERNATIONALE HULPTAAL »

De diplomaten, de hoogstaande personaliteiten van alle landen kunnen, wanneer zij bijeenkomen om de grote vraagstukken, die de betrekkingen onder de naties stellen, te onderzoeken en zo mogelijk op te lossen, elkaar gewoonlijk slechts verstaan door middel van tussenpersonen die, hoe bevoegd en gewetensvol zij ook mogen zijn, hun meesters kunnen bedriegen per vergissing of door weglating, en zonder dat zij, die van de vergissing het slachtoffer zijn, het ook maar kunnen vermoeden.

In die zittingen, waar over het lot der volken wordt beslist, is men aan zulke gevaarlijke en primitieve methode gebonden. Ook kan men niet zonder diepe weemoed denken aan de talrijke mogelijkheden van verstandhouding, die misschien verloren zijn gegaan, omdat de onderhandelaars niet vrij hun gedachten en hun gevoelens hebben kunnen uitdrukken.

Indien zij, die de zware taak op zich genomen hebben namens ganse naties te spreken, tijdens zulke belangrijke zittingen in Esperanto een volmaakt middel kunden vinden om hun gedachten uit te drukken en hun werkzaamheden te vereenvoudigen, dan hebben de volken zelf er ook in de eerste plaats niet minder belang bij, deze onderwetse handelwijze van bespreking, in verschillende talen, waarvan de gevolgen zo rampspoedig kunnen zijn, te zien verdwijnen.

Dat deze moeilijkheden niet overdreven zijn, ondervindt de eenvoudigste vacantieganger en dat ondervindt de hoogstgeplaatste diplomaat.

Nu we meer dan ooit volop in een conferentietijd leven, moeten ook de moedwillige ziende-blinden wel vaststellen wat al moeilijkheden de taaldiversiteit biedt. De vredeconferentie te Parijs nam negen-en-zestig dagen in beslag, meer dan het dubbele dan voorzien was, met als resultaat dat de bijeenkomst van de Algemene Vergadering van de U. N. O. moest verdaagd worden, en dit **bijna uitsluitend** door het tijdverlies en de discussies door en over het voortdurend vertalen.

En het is wel eens plezierig hier een verslag af te drukken van een correspondent van de « United Press », die een bezoek bracht aan de conferentie, waar **tolken** en geen diplomaten gedeeltelijk beslisten over het wel en wee

van millioenen mensen : « De staatslieden puzzlen, lezen de krant of zijn in slaap gevallen, terwijl de volkeren der wereld wachten op de vrede die zij zullen maken », aldus de correspondent.

Hij tekent hier echter eerlijkheidshalve bij aan, dat de gedelegeerden genoodzaakt zijn elke rede drie maal aan te horen, daar de toespraken, behalve in de taal waarin zij worden gehouden, ook in het Frans en het Russisch worden voorgelezen. Een rede van een half uur wordt op deze wijze automatisch uitgebreid tot een rede van anderhalf uur.

De correspondent constateerde dan dat Attlee om 4 u. 32 in een kruiswoord puzzle verdiept was, dat om 4 u. 36 Evatt de zaal verliet toen de vertaling van een Brits-Indische rede werd opgedreund, dat om 4 u. 37 alle aanwezige gedelegeerden de krant zaten te lezen met uitzondering van de Etiopische afgevaardigde, die in slaap was gevallen. Om 4 u. 40 stelt de correspondent vast dat de Amerikaanse afgevaardigde, James Dunn, na enkele ogenblikken in officiële documenten verdiept te zijn geweest, deze terzijde legt en zich verdiept in de sportpagina van de « Daily Telegraph ». Terzelfder tijd ontdekt hij dat de Nieuwzeelandse gedelegeerde begonnen is een brief te schrijven. Twee minuten later haalt de Brits-Indische gedelegeerde Peruses een brochuur voor de dag, getiteld « Wat biedt Parijs », blijkbaar ter voorbereiding van de Zaterdagavond. Om 4 u. 50 ontwaakt de Ethiopiër, opgeschrikt door het applaus waarmede een nieuwe spreker wordt begroet; om 4 u. 52 haalt Spaak een roman in gele omslag uit de zak... En zo gaat dat nu al zes dagen door...

En op dat zelfde ogenblik kwamen te Bern honderden esperantisten in internationaal congres bijeen, voor de eerste maal na de tweede wereldoorlog. Er waren universiteitsprofessoren en juristen, er waren bedienden en eenvoudige handarbeiders, en al die mensen volgden dagenlang debatten en uiteenzettingen, en gingen van 's morgens tot 's avonds met mekaar om — de meeste voor de eerste maal in hun leven — **zonder** tolken en **zonder** koptelefoon...

Uittreksel uit het artikel verschenen in « Morgen »,
van de hand van H. SIELENS.

---

## TRA LA GAZETARO

— MORGEN (Antverpen), « tijdschrift voor politieke, sociale en economische vorsing », estas monata revuo fondita, antaŭ de jaroj, de la eminenta Antverpena advokato L. Craeybeckx, deputito. Tiu ĉi, kiel urbestro de Antverpeno, akceptis nin plej afable en la urbdomo, dum la pasinta Pentekosta kongreso, kaj, en tiu okazo, deklaris sin konvinkita simpatianto de Esperanto. En sia kajero n-ro 4/5, « Morgen » aperigis trafan studaĵon de sia respondeca eldonanto kaj redakcia sekretario, nia samideano H. Sielens. La studaĵo estas titolita : « Het probleem der internationale hulptaal ».

Priskribinte la diversajn fazojn trans kiuj pasis la ideo de internacia lingvo, kaj citinte multajn malnovajn projektojn, kiuj ne eniris la praktikon, S-ro Sielens alvenas al Volapük, kies uzo ne estis sufiĉe facila, kaj al Esperanto, lingvo jam elprovita antaŭ ĝia eldono, per verkoj, kaj per diversaj longaj tradukoj, de ĝia aŭtoro, proze kaj poezie.S-ro Sielens memorigas atentigon faritan, antaŭ deksep jaroj, de formortinta Rollet de l'Isle, prezidinto de la Esperanto-Akademio, pri la malfacilaĵoj okazantaj en konferencoj pri la sorto de l'popoloj. Poste li montras la nunan staton en O. N. U., kaj tradukas nederlandlingven gajan raporton de korespondanto de « United Press ». Niaj legantoj trovos tiun tradukon en alia parto de tiu ĉi Bulteno.

— LE MATIN (Antwerpen) ofte akceptas favore redaktajojn pri Esperanto, danke al nia senlaca kaj fervora samideanino S-ino M. Elworthy-Posenaer. Je la fino de Novembro ŝi aperigis en tiu ĵurnalo franclingvan tradukon de esperanta redaktaĵo pri Edmond Privat, pioniro de Esperanto, kaj ankaŭ longan « Chronique Esperantiste ». Dankon al S-ino Elworthy, kaj al « Matin ».

# BELGA KRONIKO

BELGA RADIO KAJ ESPERANTO. — Okaze de la datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, la Belga Radio aranĝis kvinminutan elesendon pri Esperanto. Pro teknikaj kaŭzoj, la dissendo okazis la 16an de Decembro. Ĝi komenciĝis par aŭdigo de la Espero. Post per tre favoraj vortoj, S-ro Philippet enkondukis interparoladon kun D-ro Kempeneers, Prezidanto de Belga Ligo Esperantista, kiu per kelkaj frazoj skizis la nunan staton de la movado. La elsendo vekis grandan intereson en la publiko.

BRUĜA GRUPO. — La 18an de Novembro, S-ro David Demeulenaere intersplene parolis pri poŝtmarkoj kaj admirigis sian personan kolekton.

La 23an, posttagmeze okazis unua dimanĉa promenado al la Muzeo de la Sankta Kruco-Pordego. S-ro A. Haezaert, direktoro kaj inicianto de tiu muzeo, afable akceptis la delegacion kaj prezentis kun kompetentaj klarigoj la diversajn salonegojn kun militaj memoraĵoj pri 1830, 1914-1918 kaj 1940-1945 kaj ankaŭ pri la Kongo-kolonio. S-ro Poupeye dankis lin esprimante la esperon ke dank'al rapida disvastiĝo de la Esperanto-ideo, ne estos necese pliriĉigi la muzeon per nova salonego kun postrestajoj el plia mondmilito.

La 2an de Decembro, debato pri « Longaj aŭ mallongaj jupoj » okazigis tre amuzan diskutadon.

Dua promenado okazis dimanĉon la 14an al Gezelle-Muzeo en la naskiĝodomo de la fama flandra poeto. Inter la ekspoziciataj tradukoj en diversaj lingvoj, la vizitantoj rimarkis la esperantan antologion « Se aŭskultas la animo ».

La 16an, Zamenhof-vespero : post alparolado de la prezidanto pri la Majstro kaj antaŭlegado de lia fama letero pri la deveno de Esperanto, sekvis loturnado de la multnombraj « nekonataj premioj ». Ĉiu ĉeestanto ricevis almenaŭ unu paketon entenantan donacetojn ĉiujn plej amuzigajn. La laborplena elvolvigado kaj le surpriza efiko igis tiun vesperon unu el la plej ĝojplenaj.

La 6an de Januaro, kuko de la Tri Reĝoj, proponita de S-ino Poupeye, estis dispartigata. La hazardo dediĉis al S-ro Poupeye la enbakitan fabon, kiu igis lin Reĝo de tiu agrabla kunveno.

La 13an, nova elementa kurso estis malfermata kun tre kontentiga sukceso.

— *Programo.* — Ĉiumarde je la 8a vespere en la grupa sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or » :

La 3an de Februaro : a) 4a leciono de la elementa kurso; b) portretludado laŭ angla maniero; la 10an : a) 5a leciono; b) legado de Bulteno; la 17an : a) 6a leciono; b) kartludado; la 24-an : a) 7a leciono; b) kanta vespero.

La 2an de Marto : a) 8a leciono; b) interparolaj ekzercoj; la 9-an : a) 9a leciono; b) portret- aŭ kartludado; la 16an : a) 10a leciono; b) kanta vespero; la 23an : 11a kaj lasta leciono de la elementa kurso; b) surpriza vespero, ĉiu bonvolu alporti nekonatan premion; la 30an : korespondа kaj gazeta vespero.

— *Dimanĉaj promenadoj :* la 22an de Februaro kaj la 21an de Marto, rendevuo je la 2,30, Granda Placo, Poŝtoficejo. Direkto pli poste elektota.

BRUSELA GRUPO. — La kunvenoj regule okazis laŭ la fiksita programo. Speciale menciindaj estas la Zamenhofa vespero, okazinta la 15an de Decembro, dum kiu estis laŭtlegataj seriozaj kaj interesaj verkoj, kiuj kreis mirindan senton de « interna ideo », kaj la festeno okazinta la 22an de Decembro. Pli ol tridek samideanoj kunsidis ĉe bone servita tablo, por honorigi nian sindoneman amikinon, F-inon Obozinski, kiu festis sian 35jaran jubileon. Inter la ĉeestantoj ni rimarkis speciale S-ron Mathieux, malnova pioniro de Esperanto en Belgujo, kaj S-ron Vermandere, el Antverpeno. Je 'a fino de la vespermanĝo, D-ro Kempeneers, F-ino Jennen, S-ino F. Staes, S-ro Swinne, S-ro Vermandere, sinsekve prikantis la meritojn de la jubileantino; floroj kaj donaceto estis prezentataj al ŝi nome de la partoprenantoj. F-ino Obozinski dankis ĉiujn, organizantojn kaj ĉeestantojn, kaj la vespero finiĝis per dancado. Tre certe ĉiu konservos plej bonan memoron pri tiu intima festeto, kiu remetis nin iomete en antaŭmilita atmosfero.

— *Programo de la vendrdaj kunsidoj.* — Ejo : rue au Beurre, 40, Boterstraat, je la 20a.

Februaro : la 2an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 9an, S-ro Camille Toussaint, amuza vespero; la 16an, S-ro Oleffe pri « Mi vojaĝis en Bretagne dum 1947 »; la 23an, S-ino Staes-Vande Voorde, literatura vespero.

Marto : la 1an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 3an, S-ino Stern, pri « Parizo post la reviviĝo »; la 15an, S-ino Ernst, komik-serioza-gramatika vespero; la 22an, F-ino Obozinski, pri « La Ruĝa Kruco »; la 29an, Paskolundo, ne okazos kunveno.

Aprilo : la 5an, komitatkunveno, parolata ĵurnalo; la 12an, S-ro Castel, « Pri anarhio », sekvos ĝenerala diskuto; la 19an, S-ro Everaerts, pri « Familiaj aldonaj salajroj »; la 26an, F-ino Jennen, pri « Hispanujo ».

— *Promenadoj.* — Rendevuo je 14,30.

Februaro : la 8an, Ponto de Woluwe al Rouge-Cloitre; la 22an, Place Rouppe al Hal.

Marto : la 7an, Eniro Bois de la Cambre (avenue Louise) al Observatoire; la 21an, Place Communale de Berchem al Zellick.

GENTA GRUPO. — Estas memorigate ke la kunvenoj de la grupanoj okazas je la dua kaj la kvara sabato de la monatoj, escepte okaze de libertempo, je la 17a horo. Konsekvence, la proksimaj datoj estas : 14a kaj 28a de Februaro; 13a kaj 20a de Marto (anstataŭ 27a, ĉar la 28a de Marto estos Paska tago).

---

## BIBLIOGRAFIO

— LA EVANGELIO LAŬ SPIRITISMO. — Brazila esperantisto, S-ro Ch. Ismaël Gomes Braga, faris tre gravan tradukan laboron, kiu estas eldonita de la Brazila Spiritisma Federacio. Ĝi estas titolita *La Evangelio laŭ Spiritismo*, kaj estas la traduko de franclingva verko de Allan Kardec. Tiu libro enhavas la klarigon « de la moralaj maksimoj de Kristo, ilian konformecon kun Spiritismo, kaj ilian aplikadon al la diversaj situacioj de la vivo ». Tiu grava 432paĝa libro estas unu el la diversaj, kiuj montras la kompletan taŭgecon de Esperanto por esprimi abstraktajn ideojn. La ekzemplo por tiaj tradukoj venis de Zamenhof mem (La Malnova Testamento).

— La MISIA RONDO de Veteli (Finlando) eldonis malpli ampleksan esperantan libreton (40paĝan), sed kiu estas la sesa el serio (la kvin unuaj aperis antaŭ la milito). Ĝia titolo estas : *La Eterna Evangelio.*

— LERNU ESPERANTON estas nova libreto ĵus aperinta, kiu estas elkopiaĵo de pli grava samtitola libro de S-ro Daniel Quarello el Buenos-Aires. Tiu 32paĝa libreto « estas dediĉata al tiuj kiuj deziras koni ĝisprofunde, paroli korekte, kaj skribi perfekte nian lingvon ». Ĝi estas speco de universala gramatiko.

— KLAVARSKRIBO. — Jen estas la nomo donita al nova sistemo de muziknotado. La liniaroj, anstataŭ esti horizontalaj, estas vertikalaj; la linioj estas vicigitaj kiel la *nigraj* klavoj de fortepiano; la notoj montriĝas sur, inter, aŭ apud la linioj.

---

## INTERNACIA KRONIKO

NEDERLANDO. — La *21a Kongreso de S. A. T.* okazos en Amsterdam (Nederlando), de la 31a de Julio ĝis la 5a de Aŭgusto 1948. Sekretariejo : 127, Bestevaerstraat, Amsterdam W.

— La *29a Kongreso de F. L. E.* okazos en Amersfoort (Nederlando) de la 27a ĝis la 29a de Marto 1948. Sekretariejo : 457, Vermeerstraat, Amersfoort (Nederlando).

POLUJO. — Komence de Oktobro 1947, okazis en Varsovio la dua postmilita *Tutpollanda Esperanto-Kongreso.* La Kongresanoj estis multnombraj; la movado bone kreskas en tiu lando, kiu multe suferis pro la okupado. Reprezentanto de la Ministro por Instruado ĉeestis, kaj promesis subteni la proponon pri enkonduko de Esperanto en la lernejojn. S-ino Lecat-Weinsberg, el Antverpeno, ĉeestis la Kongreson kaj transdonis al ĝi saluton de la Belgaj Esperantistoj.

## ESPERANTO EN RADIO

### Represita el « Esperanto ».

*Mallongigoj* : I=Informoj, P=Parolado, K=Kurso.

| | | |
|---|---|---|
| *Ĉiutage* | 16,30-16,45 | Praha. 1935 m. kaj 49 m. 92. I. |
| | 17,15-17,30 | Paris. 41 m. 21. Radio-diffusion Française, émissions espérantistes vers l'étranger, 118, Champs-Elysées, Paris VIII^me^. |
| | 22,00-22,15 | Praha. 49 m. 92. P. |
| *Dimanĉo* | 15,00-15,15 | Sveda Radio. 19,80 kaj 27,83 m. I. pri la 33a Universala Kongreso. (Nur la unuan Dimanĉon de la monato.) |
| *Lundo* | 11,30-11,40 | PRG2 (Brazilo). 104 m. P. |
| | 21,50-22,00 | Praha. 470 m. 2. Prelegoj, intervjuoj, teatraj scenetoj, kantoj kaj informoj. Radiostacio, Stalinova 12, Praha XII. |
| | 22,00-22,30 | Ĉeĥoslovakujo. 269 m. kaj 325 m. Verda Stacio. Arto-programo. (Nur la unuan Lundon de la monato.) |
| | 23,30-23,35 | Budapest I. 549 m. 5. I. Hungara Radio, Budapest VIII, Bródy Sàndor u. 7. |
| *Mardo* | 17,20-17,30 | Wien II. 31, 41 kaj 228 m. 6. I. Esperanto-Servo, Wien, Neutorgasse, 9. |
| | 17,45-17,50 | Bern. 31,46 kaj 48,66 m. P. de D-ro Baur, Schweizer Kurzwellendienst, Postfach Transit, Bern. |
| | 18,50-19,00 | Sofia. Radio Sofia, 32 m. 9. P. |
| | 21,45-22,00 | Hradec Kràlové. 238 m. (Krom la unua mardo.) |
| | 22,00-22,10 | Ostrava. 259 m. Radiostacio, Ostrava, Bràfova 5. |
| *Merkredo* | 10,15-10,35 | Paris. 431 m. 7. K. |
| | 21,10-21,25 | Warszawa III. 49 m. 06. I. Pola Radio, Warszawa, Koszekowa 8. |
| | 23,30-23,35 | Budapest I (kiel je lundo). |
| *Ĵaŭdo* | 17,45-17,50 | Bern. 31,46 kaj 48,66 m. P. de D-ro Privat. |
| | 18,45-19,00 | Hradec Kràlové. 280 m. Vychodoĉeky vysilaĉ, Hradec Kràlové, Ĉeĥoslovakujo. |
| | 21,50-22,00 | Praha. 470 m. 2 (kiel je lundo). |
| | 22,00-22,10 | Ostrava. 259 m. |
| *Vendredo* | 17,15-18,00 | Hilversum I. 301 m. La 12an de Marto, P. de H. A. de Hoog pri : « La nevenkebla armeo ». N. C. R. V.- Poŝtkesto 5, Hilversum. |
| | 18,50-19,00 | Sofia. Radio Sofia, 32 m. 09. P. |
| | 22,30-22,35 | Budapest I (kiel je lundo). |

*Klarigoj.* — En la tabelo la horoj de la dissendoj estas laŭ la horsistemo de Greenwich, sed demanda signo signifas ke ni ne havas precizan informon pri la horsistemo. Por dumvintra belga tempo oni aldonu unu horon. Ni petas informon pri necesaj aliigoj. La donitaj adresoj estas tiuj al kiuj oni sendu gratulleterojn kaj informojn pri ricevo.

## KAPROMPIGA ANGULO

### Litergrup Enigmo.

SOLVO

N E K R O L O G O
E V E N T U A L A
N A F T A L I N O
I D I O T I S M O
U L T R A M A R O

E S P E R A N T O
S P E C I M E N O
T A R A N T U L O
A B N E G A C I O
S P E K T A K L O

P E R S E K U T I
R E K O M E N D I
O R I G I N A L A
F O N T A N E L O
E V A N G E L I O
T E L E G R A F O
O R G A N I S M O

E L O K V E N T A
N E P O T I S M O

S P O N T A N E A
I M P E R I A L O
A R G U M E N T O

U M B E L A C O J
R E C I P R O K A
B A Z I L I S K O
E K V I L I B R O
T E R E B I N T O
O R O G R A F I O

*Neniu estas profeto en sia urbeto.*

---

## KORESPONDO

— *F-ino Lepage*, 42, rue de la Perrine, Le Mans (Sarthe), France, deziras interŝanĝi korespondaĵojn kun Esperantistoj.

— *Esperantistino* depost 1922, *S-ino Clàre Kräuse*, Hainstr., 4, Auerbach im Vogtl, Germanujo (Sovjet-Zono), deziras interŝanĝi korespondaĵojn kun eksterlandaj samideanoj.

— *Sro Karl Stark*, Gönnerstr., 42 II, 13-a, Bamberg, Bayern (U. S.-Zono), ekonomiisto, deziras samprofesiajn korespondantojn.

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto :* D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj :* F-ino A. JENNEN, 72, rue d'Albanie, Bruselo.
S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk-Antverpeno.
*Ĝenerala Sekretario :* S-ro Inĝ. C. VANDEVELDE, 230, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Protokola Sekretario :* S-ro Ch. POUPEYE, 42, Elf Julistrato, Bruĝo.
*Kasisto :* S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.

KOMBINATAJ KOTIZOJ

### Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asioco

**(IEL kaj UEA kunigitaj)**

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la Bultenon de la Ligo, kaj la internacian kuponaron por servoj)... ... ... ... ... ... fr. 75
*Familia membro* (same, escepte la Bultenon) ... ... ... ... 35

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la Internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro :*
kiel Simpla membro; ricevas krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 120
b) *Membro Abonanto :*
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton : « Esperanto »... ... ... ... 185
c) *Membro Subtenanto :*
kiel membro-abonanto pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista (La Louvière).